**INTERNACIA ĴURNALISTO**

JARO XII, SOFIA — BULGARIO
APRILO — JUNIO 1968, № 2



ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

## PRI LA STATO DE LA ESPERANTO—MOVADO
## PRI LA ROLO DE T. E. Ĵ. A.

(Oficiala letero al la redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" de Prof. D-ro Ivo Lapenna-Prezidanto de la Universala Esperanto —Asocio)

La l-an de aprilo 1968

Al S-ro Ivan Keremidĉiev Esperov,

Blv Hristo Botev 98.
Sofia 2.

*Estimata kaj kara Redaktoro,*

*Jam delonge mi promesis al vi kontribui ion por Internacia Ĵurnalisto. Bedaŭrinde, daŭra okupiteco kaj manko de la plej necesa tempo malebligis tion. Nun mi tralegis la artikolon „Pri la Stagnado de la Esperanto-Movado en iuj Landoj", kiu rekte devigas min fari kelkajn komentojn. Do, anstataŭ la promesita artikolo, mi sendas al vi ĉi-tiun leteron.*

*Unue, tute principe, pri stagnado. Iamaniere fariĝis modo paroli ĉiam pli kaj pli pri kvazaŭa stagnado, kvankam efektive la situacion neniel pravigas tian pesimisman starpunkton. Estus multe pli korekte paroli pri nesufiĉa aŭ ne tute kontentiga progresado, sed en tiu okazo ĉiam necesus ekzameni la verajn kaŭzojn kun la celo forigi ilin, se iel eble.*

*Ekzistas objektivaj kaŭzoj, ekster la atingopovo de la organizita Esperanto—Movado, sed ekzistas ankaŭ kelkaj kaŭzoj, kiuj troviĝas ene de niaj vicoj kaj povus esti facile forigitaj per iom da bona volo.*

*Pri la unuaj apenaŭ estas necese skribi, sed sendube estas utile koni kaj kompreni ilin. Dum la tuta ekzistado de la Internacia Lingvo troviĝis landoj, en kiuj la instruado de Esperanto estis malpermesita kaj neniu Esperanto-organizaĵo povis esti formita. Bedaŭrinde, ankaŭ hodiaŭ en pluraj landoj kia ajn laboro por Esperanto estas malpermesita de la aŭtoritatoj. En aliaj landoj la laboro por la Internacia Lingvo estas apenaŭ tolerata. Se la politikaj kondiĉoj estas tiel malfavoraj, ke nek la lingvo povas esti instruata nek Esperanto—organizaĵoj rajtas ekzisti, tiam, evidente, la lingvo ne povas disvastiĝi. Kaj tio havas negativan efikon ne nur en la koncernaj landoj, sed ankaŭ en la tutmonda Esperanto-Movado. Plue, en granda nombro da landojankaŭ en tiuj, en kiuj la Esperanto-Movado nombre kaj eble eĉ kvalite estas la plej forta — la devizaj leĝoj malebligas aŭ grave malhelpas sendon de abonoj al eksterlandaj centroj. Tio sendube influas negative je la forto de la internaciaj Esperanto-organizaĵoj, unuavice de Universala Esperanto-Asocio, kiu estas subvenciata de neniu, sed kiu finance vivas nur de la kotizoj de la individuaj membroj.*

*Certe troviĝas ankaŭ aliaj objektivaj malfacilaĵoj en unuopaj landoj, sed mi menciis nur la du ĉefajn. Sur la internacia nivelo la plej grava obstaklo estas la konscia agado kontraŭ la Internacia Lingvo fare de diversaj portantoj de lingva imperiismo. Ĉar la antaŭjuĝoj rilate la pure lingvajn eblecojn de Esperanto estas ankoraŭ sufiĉe fortaj, la lingva imperiismo trovas fruktodonan grundon.*

*Aliflanke, en nombro da landoj la lingvo kontentige disvastiĝas kaj la Esperanto-organizaĵoj prosperas. Antaŭkondiĉo sendube estas favora politika klimato, kiu kaŭzas aŭ apogon al la ideo de komuna lingvo por internaciaj rilatoj, aŭ almenaŭ foreston de malhelpoj. Feliĉe, la nombro da tiaj landoj fariĝas ĉiam pli granda, sed tio per si mem ne sufiĉas por la progreso*

*Eĉ nur supraĵa ekzameno de la situacio montras, ke, se la politikaj kondiĉoj estas favoraj en la menciita senco, bona komenciĝo, aplikado de taŭgaj metodoj, talentaj gvidantoj kaŭzas la relative rapidan disvastiĝon de la lingvo kaj altiron de kleraj personoj. En kelkaj kazoj unu sola kompetenta kaj sindona persono povis atingi rimarkindajn rezultojn en sia lando.*

*Mi sincere dubas, ke estas necesa plia studo de la afero. La tuta problemaro jam estis plurfoje diskutita en la Komitato kaj en la Estraro de UEA; apartaj konferencoj, ekzemple tiuj de Frostavallen, pritraktis la aferon; specialaj kunvenoj dum la Universalaj Kongresoj okupiĝis precipe pri informado, agado en lernejoj, ktp. La rezultoj de tiuj diskutoj estas klare formulitaj en la Dua Baza Laborplano de UEA. Kio fakte estas necesa* **unueca klopodo de ĉiuj landaj kaj fakaj organizaĵoj realigi la programon entenatan en la Laborplano.** *Malobservado de la Statuto kaj Regularoj de UEA, resp. de la fakaj kaj landaj organizaĵoj; malatentado aŭ eĉ kompleta ignorado de la laborplanoj kaj faritaj decidoj; kreado de superfluaj instancoj, kies sola rezulto estas rompado de la fortoj; manko de interna memdisciplino; misprezentoj en kelkaj Esperanto—periodaĵoj—jen kelkaj el la ĉefaj internaj obstakloj, kiuj bremsas pli rapidan progresadon. Nur la forigo de tiuj negativaj fenomenoj malfermos la vojon por pli vasta prosperado kaj de la lingvo kaj de la Esperanto-Movado.*

*Nun tute speciale pri la rolo de TEĴA. Laŭ mia opinio, TEĴA povis konsiderinde kontribui al disvastigo de la konoj pri la lingva problemo en la mondo kaj pri la solvo kiun prezentas la Internacia Lingvo. Ne ekzistas profesio, kiu povas pli efike detruadi antaŭjuĝojn per objektiva prezento de ĉiuj aspektoj de la lingva problemo kaj de la atingoj de Espetanto, ol la ĵurnalistoj. Necesus ke la Estraro de TEĴA trastudu la erojn de la Dua Baza Laborplano, kiuj rilatas al la fakaj asocioj. Mi mencias nur kelkajn el ili: aliĝi al UEA; instigi la membrojn aliĝi al UEA kiel individuaj membroj kaj fariĝi fakdelegitoj pri ĵurnalismo; organizi fakajn internaciajn renkontiĝojn kun ĵurnalistoj neesperantistoj; aliĝi al samfaka neesperantista organizaĵo; publikigi studojn kaj artikolojn en nacilingvaj periodaĵoj kaj gazetoj; utiligi la informojn de la Informa Fako de CED por publikigo en la nacilingva gazetaro; prezenti objektive la rolon kaj atingojn de UEA sur diversaj kampoj kaj subteni ĝiajn grandajn kampanjojn, ekzemple nun la kampanjon kontraŭ la lingva diskriminacio okaze de la Jaro de la Homaj Rajtoj.*

*Sendube ekzistas ankaŭ aliaj eblecoj. Anstataŭ plendi pri „stagnado" kaj tiamaniere kreadi aŭ fortikigadi defetismon, prefere ni ĉiuj intensigu nian agadon konforme al la ideoj entenataj en la Laborplano, kiu klare montras la vojon al plua, eble eĉ impona progresado.*

*Kun estimo kaj koraj salutoj,*

*sincere via*

**D-ro Ivo Lapenna**

*Rim de la redakcio: la titolo de la Letero de la Plezidanro de U. E. A. estas redakcia.*

**DANKON, KARA PREZIDANTO DE U. E.A.**

La Oficiala Letero de nia amiko Prof. D ro Ivo Lanenna — multestimata Prezidanto de la Universala Esperanto — Asocio, adresita rekte al „Internacia Ĵurnalisto" tre ege kaj surprizis kaj adrabligis nian redakcion. Kvankam provokita de la redakcio mem, ni esprimas nian dankon kaj kontenton al D-ro Lapenna, des pli, ke li delonge promesis ian konvenan kontribuaĵon al „I Ĵ".

La pritraktitaj de D-ro Lapenna demandoj estas gravaj kaj ilia solvo tre ege kontribuos por la neniigo de la mankoj en nia Esperanto-movado, por ĝia plua progresigo. Malgraŭ iuj siaj mankoj, malgraŭ la nesufiĉa prospero en iuj landoj, la Esperanto-movado konstante disvastiĝas, akiras pli kaj pli kontentigajn sukcesojn tra la mondo.

Kompreneble, tiaj sukcesoj ŝuldiĝas ankaŭ al la sperta gvidado de la Estraro de U. E. A. kaj speciale de ĝia longjara estinta Ĝenerala Sekretario kaj nuna Prezidanto, spite al ĉiuj menciita de D-ro Lapenna: „malobservado de la Ştatuto kaj Regularoj de U. E. A, resp. de la fakaj kaj landaj organizaĵoj; malatentado aŭ eĉ kompleta ignorado da la laborplanoj kaj faritaj decidoj, kreado de superfluaj instancoj, kies sola rezulto estas rompado de la fortoj; manko de interna memdisciplino; misprezentoj en kelkaj Eperanto-periodaĵoj-jen kelkaj el la ĉefaj internaj obstakloj, kiuj bremsas pli rapidan progresadon."

## AL CENTJARA JUBILEO DE M. GORKIJ—

## M. GORKIJ — ESPERANTISTO

La 28-an de marto nunjare plenumiĝis 100-jara datreveno de l'naskiĝtago de Maksim Gorkij. Sendube en multaj landoj oni festas aŭ almenaŭ notas la daton. Popular eco de Gorkij — verkisto estas senkompra. Lia verkaro estis entute dediĉita al prikanto de simpla homo — kreanto de historio, homo de plej 'altaj imageblaj, frandaj al la regantaj klasoj kaj personoj en carista Rusio. Lia heroo — simpla homo, portanta konsolon kaj faciligon de jugo kaj ŝarĝoj al amasoj de simplaj homoj, ĉar li komprenas la vojon de progreso, ĉar li estas konscia pri solvo de sociaj taskoj, pri iro de evoluo.

Pro tio la verkoj de Gorkij naskis potencan torenton de l'nova beletro — literaturo de vastaj tavoloj de demokratio, literaturo de socialista realismo, kiu akiris praeminentan forton kaj valoron. Fakte Gorkij estas literatura heroldo de novaj tuthomaraj movadoj kaj eventoj. Ĉiuj literatoroj tiel aŭ aliel rememoros la altajn ecojn de tiu granda Homo kaj humanisto veninta el plej profundaj kaj densaj tavoloj de simpla popolo kaj atinginta suprojn de l'literaturaj kaj ĝenerale homaj meritoj. Sekve ankaŭ ni, ĵurnalistoj — esperantistoj devas noti tiun fenomenon kaj eventon. Kaj por ni estas multoble pli signifoplena tiu datreveno. Gorkij estas inter tiuj grandaj homoj, kiuj estis esperantistoj. Certe multaj konas liajn vortojn:

„Konservativa penso obstine pruvas, ke Esperanto estas utopia entrepreno. Viva, laŭleĝe evoluanta realo ne rapidante, sed ĉiam pli decidoplene refutas la opinion de la konservativuloj."

Kaj en alia loko:

„. . . Tiu ĉi artefarita lingvo . . ' fariĝas tute natura fenomeno, ĉar ĝi respondas al bezono de nuntempaj homoj trovi, krei por ĉiuj kompreneblan lingvon".

En antaŭvido de la jubileo ni speciale petis la verkiston I. Ŝkapa publikigi siajn rememorojn pri Gorkij konekse kun la temo, atentante, ke li laboris kum Gorkij dum longaj joroj. Kaj cedante al niaj petoj li disponigis la materialojn, kiuj aperis en „Internacia Ĵurnalisto" No 1—2 1967 sub titolo „La estonto apartenas al Esperanto".

Estus interese prikonsideri la fontojn, de kiuj M. Gorkij ĉerpis siajn sciojn pri Esperanto. Ni povas supozi, ke ili estis multnombraj kaj diversaj. Rusa progresiva gazeto „Heroldo de Scio" multe propagandis la lingvon, kaj eĉ dum unu jaro eldonis gazeton „Esperon". Leo Tolstoj esprimis sian pozitivan opinion. Lia amiko — komponisto S. Taneev ne nur estis propagandisto de la lingvo, sed eĉ verkis 'muzikajn esperantaĵojn. Verkisto Korolenko, sciencistoj Pavlov, Miĉurin, Ciolkovskij — ĉiuj ili estis forte ligitaj kun Esperanto. Per ĉiuj ĉi fontoj povis veni al Gorkij interesiĝo kaj scio pri la lingvo. Liaj amikoj Romain Rolland kaj Henri Barbusse povis ankaŭ levi tiun intereson: ja ilia adepteco al Esperanto estas vaste konata.

Sed jen estas homo kiu lasis senduban postsignon tiurilate en la biografio de la eminenta verkisto. Pri tio Gorkij mem skribas en kelkaj lokoj. Tiu homo estis Alekseo Semjonov. Kaj al mi venis ideo plej koncize rakonti pri la homo-esperantisto, kiu multon gravis por Gorkij, kun kiu li korespondis de la jaro 1904 ĝis sia morto (1936) kaj kiu eble plej forte impresis Gorkij kaj kaŭzis lian interesiĝon pri Esperanto.

En la antaŭ nelonge publikigitaj rememoroj de l'verkisto Viktoro Ŝklovskij estas menciita la artikolo de Gorkij „Pri unuo", kie li priskribas Alekseon Semjonov'on. Ĝi aperis en literatura revuo „Nova mondo" N 11, novemdro, 1960. En ĝi estas opinio de M. Gorkij pri A. Semjonov, ilia korespondo kaj artikolo de Gorkij pri li.

Gorkij vivis en Italio (insulo Kapri) en 1912 jaro. Iun tagon venas al li duonruso, duonjakuto Alekseo Semjonov kun sia edzino Nataŝa kun orientaj okuloj. Alekseo Semjonov rakontis pri sia esperantistiĝo. Li loĝis en la urbeto Troicko-Savsk, kie li servis kiel komizo. Dum libera tempo li ellernis Esperanton. Por konvinkiĝi, ke ekzistas ankoraŭ esperantistoj en la mondo krom li, li

---

Ni konsentas kun la opinio de D-ro Lapenna. Ankaŭ ni opinias, ke, „nur la forigo de tiuj negativaj fenomenoj malfermos la vojon por pli vasta prosperado kaj de la lingvo kaj de la Esperanto-movado". Por la forigo de tiuj mankoj estas necesaj ĉiuj unuigitaj fortoj de nia movado, kiel de UEA (kaj ĝia Estraro), tiel ankaŭ de ĉiuj landaj kaj fakaj organizaĵoj. Memkompreneble, la Estraro de UEA devas perfektigi sian gvidadon, ĝia centros devas transformiĝi en lertan kaj spertan laboratorion pristudantan la tutmondan sperton de laboro kaj adago, disfastigantan ĝin ĉie kie estas necese.

Nun—pri la rolo de T. E. Ĵ. A. Ankaŭ pri tiu demando ni akceptas danke la opinion kaj la rekomendojn de la Prezidanto de U. E. A. kiel bonaj kaj justaj. Ĝuste tiel komprenas siajn taskojn la Estrero de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio. Tiudirekte akcelas siajn laborplanon kaj direktivojn la Estraro de T. E. Ĵ. A., la decidojn de la ĝeneralaj jarkunvenoj. Tiaj estas ankaŭ la decidoj por la plej proksimaj rilatoj kun UEA, por subteno de ĝiaj gvidorganoj kaj iniciatoj kaj speciale de la Informa Fako de UEA. Pri tio en „Internacia Ĵurnalisto" aperis specialaj artikoloj, notoj, admonoj, rekomendoj. Ŝajnas al ni, ke ili estis neatentitaj de iuj estraranoj de UEA, luj el ili ne legas atente la organojn de la fakaj kaj landaj organizaĵoj, kaj speciale „I. Ĵ," — on. Se ne estas tiel, oni ne permesos mencii en la Jarlibroj de UEA la adreson de la estinta Sekretario de T. E. Ĵ. A, malgraŭ la fakto, ke de kelkaj jaroj T. E. Ĵ. A. havas novan Sekretarion. Tio eraris la T. E. Ĵ. A. — anojn.

Evidente, la fakaj organizaĵoj devas helpi al UEA. Sed ankaŭ UEA devas iamaniere trovi rimedojn subteni la fakajn organizaĵojn. Tia helpo al T E Ĵ A estas samtiel necesa. Sed pri tio alifoje. Granda helpo estas la Oficiala Letelo de D-ro Lapenna, kiun ni nun aperigas. Atendante ankaŭ alifoje similajn kontribuajojn, la redakcio de „I. Ĵ." ankoraŭfoje dankas al la estimata Prezidanto de UEA.

**Ivan Esperov**

sendis al Londona firmao, komercanta ĉasbirdaĵon, esperantlingvan leteron-oferton liveri frosti — tajn tetraojn. Neniujn tetraojn, memkompreneble, li posedis. Tamen tuj li ricevis esperantlingvan respondon de la firmao, kio pruvis al li larĝan disvastecon de la lingvo.

Li faris per Esperanto la faman vojaĝon „ĉirkaŭ la mondo sen groŝo en poŝo" kun sia edzino Nataŝa. Dum tiu vojaĝo li vizitis Gorkij en Kapri. Reveninte hejmen en Jakution, li multon faris por utiligi naturajn riĉaĵojn de tiu fora, Siberia lando, por progresigi ĝin. Li entreprenis fabrikadon de boikoj, malkovris plumban ercon, litografian ŝtonon k. a. Li estis unu el kreintoj de l'urbeto Tommot en Jakutio.

En unu el siaj leteroj al Gorkij li skribis:

„Kara Aleksej Maksimoviĉ,

Laŭ insisto de Nataŝa, mia optimista vivkunulino, mi komencis tajpi miajn leterojn por faciligi legon. La procedo al mi tre plaĉas. Cetere al mi plaĉas ĉia laboro samkiel ĉia vetero.

Vi pravas, asertante, ke mi estas revulo. Sed nur kie mi havis liberon, mi povis realigi miajn revojn. Vi scias, ke sen iuj ajn kapitaloj mi iniciatis eldonon de gazeto, flosadon de ligno laŭ Judoma-rivero, transportajn ekspediciojn al Temton...

Mi skribas al vi el Ukulan-haveno ce Aldanrivero. Sur la alia bordo estas urbeto Tommot, en kies kreo mi arde partoprenis. Nun mi admiras naturan bulvardon el centjaraj cedroj..."

Post la revolucio Alekseo Semjonov estis popola komisaro de financoj en Jakutio. Li estis iniciatinto de plej bizaraj monbiletoj. Manko de papero kaj farboj igis lin serĉi solvon. Presejoj ne laboris. Kaj financa ministerio ja ne povis labori sen „ŝtataj paperoj". Do li trovis jenan solvon. El stoko da pitoreskaj etiketoj por botelo j li preparis la monon. Etiketo de Madero estis por 1 rublo, tiu de Kagor — por 3 rubloj, tiu de Portvejno — por 10 riblojn, tiu de Hereso por 25 rubloj. La necesan ŝtatan apartenon li signis per ministeria stampilo kaj faksimilaj subskriboj. Kaj jen estis pretigitaj la monbiletoj. Ili estis volonte akceptataj de jakuta popolo.

Gorkij skribis al Alekseo Semjonov:

„Mi min klinas antaŭ via neelĉerpebla energio. Vi kredos mian sinceran aserton, rememorante, kiel alte mi taksas la laboron kaj poezion de laboro. Kaj vi estas ĝuste poeto. Mi volus vin nomi heroo".

A. Semjonov profunde impresis Gorkij. Kaj liaj meritoj antaŭ Esperanto kaj esperantistoj plene indigas rememoron pri ĉio, kion li faris, kiam oni dediĉas sian atenton al la elstara evento de 100-jara datreveno de Gorkij.

Kaj evidente, la laboro de tiu nevidata soldato de esperantista movado same kiel la laboro de A. Lebrun kaj V. Eroŝenko lasis tiom profundan sulkon en mondkulturo, ke eĉ influis grandajn homojn de nia epoko.

Sendube ankaŭ por „I. Ĵ." kaj ĝiaj legantoj estas interese scii pri faktoj kaj fontoj kiuj nutris kaj trinkigis tiujn grandajn intelektojn de la rusa popolo kaj kulturo. Ja ili jam en 19-a jarcento komprenis la signifon de l'internacia lingvo, ĝia valoro kaj estis ĝiaj fruaj vervaj pioniraj propagandistoj kaj disvastigantoj. Unuvorte, ili bonege komprenis tion, kion en mezo de l' 20 jarcento fiere kaj memfide, kvazaŭ ion originalan penas pruvi E. Svadost en la ĵus aperinta lia libro „Kiel estas naskiĝonta universala lingvo?". Sed la tutan ĉi-temon ni pridiskutos en nia sekvanta artikolo.

N. Danovskij

---

Organiza vivo

## KONGRESA KUNVENO DE BULGARAJ ĴARNALISTOJ

La 21-an de majo j. k., dum la 37-a kongreso de la bulgaraj esperantistoj en urbo Varna, en la ĉambro de la „Gazetara Servo" okazis kunveno de la ĵurnalista sekcio ĉe Bulgara Esperantista Asocio.

Pri la kvarjara (1964—1968) agado de la sekcio raportis la prezidanto de la sekcio Ivan Keremidĉiev-Esperov. Li diris, ke dum tiu periodo en la bulgara gazetaro kaj radio-stacioj aperis multaj informoj, sciigoj, notoj kaj artikoloj por Esperanto kaj pri la E. — movado. Sed la laboro de la bulgaraj tejanoj kaj de ĝia estraro estis nesufiĉa. Multaj estraranoj de la sekcio entute ne agemis. Nesufiĉa estis ankaŭ la kunlaborado al „Internacia Ĵurnalisto".

En la diskutado de la ĝisnuna agado partoprenis la kolegoj Hr. Gorov, N. Nanov, Kr. Karucin, T. Evstratieva kaj H. Kanev el Sofia, P. Vlasev kaj An. Tanev el Karlovo, D. Trudoljubov kaj G. Jordanov el Jambol, Iv. Batakliev el Plovdiv, V. Georgiev el Pleven kaj At. Bojaĝiev el Ŝumen. Ili kritikis la mankojn en la agado kaj rekomendis diversajn entreprenojn por la plibonigo de la laboro.

La ĵurnalista kunveno elektis novan estraron de la sekcio, nome: Ivan Keremidĉiev, Tatjana Evstratieva, Atanas Bojaĝiev, Dimo Trudoljubov, Venelin Mitev (el Sofia), Venecij Georgiev, Krâstju Sofroniev (el Plovdiv) Todorka Dunĉevn (el Sofia) kaj Ilija Panajotov (el Varna).

D. Trudoljubov

## Pri la vojaĝo al Madrid

La redakcio de „I. Ĵ." kaj la Sekretariejo de T. E. Ĵ. A. petas ĉiujn ĵurnalistoin — membrojn de nia asocio, kiuj partoprenos la Universalan Kongreson de Esperanto en Madrid, tuj anonci siaj adresojn al la redakcia adreso. Tio estas necesa koncerne la eventualan ĵurnalistan renkonton dum la Kongreso.

## Nepre pagu la kotizon!

Membroj de TEĴA kaj abonantoj de „Internacia Ĵurnalisto"! Tuj pagu vian membro- kaj abonkotizon al la vialanda reprezentanto de TEĴA aŭ rekte al la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto".

## KONGRESLANDO 1968

Hispanio. Duoninsulo ĉe la Sudokcidento de Eŭropo, ponto inter du kontinentoj, avangardo de la Malnova Mondo fronte al la Nova. Hispanio, fandujo de rasoj. Tridektri milionoj da homoj, tra kies vejnoj pulsas sango de keltoj, gotoj, araboj kaj aliaj plej diversaj rasoj.

Hispanio, kies unuaj loĝantoj estis vizititaj, lernigitaj, koloniigitaj aŭ subjungitaj de grekoj, fenicoj, kartaganoj, romanoj, gotoj, araboj . . . kaj kiu apost jarcentoj da lukto kaj senĉesa strebado sciis gjni sian sendependecon. Hispanio, kies maristoj malkovris novan mondon, donante vivon kaj lingvon





al dudek novaj nacioj en Ameriko. Hispanio, kiu nun deziras kaj petas pacon, trankvilon kaj laboron en la aro de la nacioj.

Jen la lando kiu gastigos la 53 an Universalan Kongreson de Esperanto, en sia ĉefurbo Madrid, de la 3a ĝis la 10a aŭgusto ĉi jare.

Monumentoj, muzeoj, katedraloj kaj konstruaĵoj parolos al vi pri riĉa kaj movoplena Historio. Kosmopolitaj strandoj, serenaj vilaĝoj apud la maro aŭ sur la montoj (en Eŭropo nur Svisujo estas pli montara ol Hispanio) oferos al vi ripozon aŭ eksciton, laŭelekte. Modernaj urboj — Madrid, Barcelona, Sevilla, Bilbao-per sia senĉesa movo indikos ke Hispanio vivas rapidpaŝe kaj aktive.

Kaj super ĉio, vi ĝuos gastamecon kaj amikecon de la hispana popolo.

**Foto 1.** Jen **M a d r i d o.** La Nacia Palaco kun parto de ĝiaj belaj ĝerdenoj.

**Foto 2.** Vidu la **P l a c o n d e H i s p a n i o** kun la monumento de **S e r v a n t e s** kaj la konstruaĵon kie (hotelo Plaza) okazos la kongresa bankedo.

Madrido kun siaj mondfamaj muzeoj : de **E l P r a d o** (fronte al la kongresejo) kun la verkoj de Velazquez, Goya, El Greco . . . , kaj la Nacia Muzeo de moderna arto.

Jes, amiko, feliĉa vi estos se vi partoprenos la Universalan en Madrid, en korpleniga atmosfero de la ĉefa tutmonga E. — renkontiĝo. Vi havos la plezuron esti akceptita amike de gastama popolo kaj lando.

**J. J. Juanes**

---

## LA LANDO DE 53-a UNIVESALA KONGRESO DE ESPERANTO — HISPONIO*

**La tero kiun vi tretos**

La hispana teritorio konsistas el 503.545 kvadrat-kilometrojn. Tiu ĉi nombro inkluzivas la duoninsulan teritorion kaj tiujn de Balearaj kaj Kanariaj insuloj.

Hispanio okupas dudekonon de Europo, kaj en ĉi tiu kontinento nur la dolĉa Francujo kaj la grangeda Sovetio posedas pli grandan teritorion. La hispanaj limoj estas: Okcidente Portugalio, per landlimo signita de la homoj; kaj en la norda orienta duono, Francio, per la Pirinea montaro, impona kaprico de la Naturo, dogane firmigita de la historio. La ceterajn hispanajn landlimojn trudas al ni ia maro, malfermita al la Nova Mondo Okcidente kaj Norde; kaj de la Malnova Mondo Oriente kaj Sude.

Hispanio, lando strategie grandvalora, almenaŭ ĝis la naskiĝo de la megatono situas en la ĝusta loko, kie sin intersalutas Eŭropo kaj Afriko, la Atlantiko kaj la Mediteraneo. Nin apartigas el Afriko nur la 14 kilometrojn de la markolo Gibraltar.

**Ebenaĵo kaj Monto**

La bildoj de Donkiĥoto kaj Sanĉo, desegnitaj sur la senfina ebenaĵo de la Manĉa aŭ la griza stepa maro de la Castilla de „Azorin" povas kredigi ke Hispanio estas ebenaĵo turmentita de la asketismo severa kaj senarba sur kiun la suno falas vertikale.

Tamen, Hispanio estas tre montara lando. La meza alteco de Hispanio estas 600 metroj. En Eŭropo nur Svisio superas tiun altecon. Escepte de la du platal-taĵoj tiuj de la Malnova kaj Nova Kastilioj, kaj la du valoj. tiuj de la riveroj Ebro kaj Guadalquivir, Hispanio estas vere montara. Norde la Kantabra Montaro kunfandiĝas kun la Pirenea Montaro Okcidente kaj disiĝas en pintmontarojn tra Galicia kaj León. Ambaŭ plataltaĵojn disigas la Centra Sistemo. Ni renkontas la montojn de Toledo, inter la riveroj Tajo kaj Guadiana kaj la Betikan Sistemon, inter la riveroj Guadiana kaj Guadalquivir. La Penibetika Montaro kun la plej grandaj altecoj de la Duoninsulo — 3.481 metroj — etendiĝas tra Malaga, Granada kaj Almeria, ĝis ĝia eniro en la Provincon Murcia. Estas tre montara Katalunio kaj la tuta okcidenta zono de la rivero Ebro, kie ĉenligiĝas la Ibera Sistemo fermanta oriente ambaŭ plataĵojn. La montpinto de Teide en Tenerifo, per siaj 3.716 metroj, atingas la plej grandan altecon hispanan.

**Riveroj**

La hispana orografio difinas tri hidrografiajn montodeklivojn en la Duoninsulo: tiu de la Nordo, mallarĝa pro la proksimeco de la Kantabra Montaro al la maro, havas mallongajn kaj rapidajn riverojn enfermitajn en tre verdaj kaj eksterordinare belaj valoj. La okcidenta aŭ atlantika montodeklivo estas la plej grava: ĝi okupas la plej grandan parton de la hispana teritorio kaj tra ĝi kuras al la Oceano la riveroj Mino, Dueno, Tajo, Guadiana kaj Guadalquivir. En la orienta montodeklivo, el ĉiuj riveroj finiĝantaj en la Mediteraneo, la rivero Ebro estas la plej grava.

**Marbordój**

Escepte de la tero kuniganta nin kun Portugalio kaj Francio, la konturo de Hispanio estas mara. En la Duoninsulo 3.144 kilometrojn da marbordo, al kiuj oni devas aldoni 2.145 kilometrojn de la Balearaj kaj Kanariaj Insuloj.

En ĉi tiuj grandegaj limoj alternas la rokoj kaj naturaj rokĝetoj kun la sablaj deklivoj kiuj formas la mil kaj unu plaĝojn de Hispanio. Krom tiuj garantiataj de la turisma tradicio, trakuri marborde Hispanion estas seninterrompa malkovro de nekonata plaĝoj kaj mirindaj pejzaĝoj.

* El la libreto: Hispanio.

## 10 JAROJ DE MOSKVA INSTRUISTA-ESPERANTISTA KLUBO

Ĉiuj bone memoras, kiel en la jaro 1957 okazis en Moskvo la fama VI Tutmonda Festivalo de Junularo kaj Studentoj. Tio estis evento, kiu vekis el dudekjara anabioza dormo la sovetan Esperanto-movadon.

Esperantista renkonto en la Ŝaka klubo lasis varman impreson ĉe la partoprenintoj. Ĝi naskis la tutan ĉenreakcion de esperantaj aranĝoj. Ekestis esperantista grupo en la Horloĝa uzino, en la Moskva Ŝtata Universitato, en la Domo de Instruistato, Naskiĝis junulara grupo „Farjero".

Samjare kaj ankaŭ sub influo de la festivalo kreiĝis la Moskva instruista-esperantista klubo.

La 17-an de decembro 1967 estis solene festata la 10-a datreveno de l' kreiĝo de la klubo. Iniciatinte la klubon, J. Al. Flerovskij — profesoro de historio en la Statistika Instituto (jam mortinto) eĉ ne supozis, kiom grava institucio kreiĝis. Mem J. A. Flerovskij, arda esperantisto kaj aktiva organizanto. Li sukcesis inokuli sian pasion al kelkaj siaj lernantoj, kaj la afero akiris propran fluon. La klubo kreskis.

Komence la evoluo estis malrapida. En la jaro 1957 estis entute 8 membroj en la klubo. En la jaro de Flerovskij morto jam estis 40. Nun estas pli ol cent. La klubanoestis instruistoj de geografio, fremdaj lingvo. kaj najbaraj specialecoj: bibliotekistoj, ekskursgvidantoj, edukistoj de infanĝardenos La klubo havas grupon de komencantoj, grupojn de perfektiĝo, kie siatempe gvidij laboron la ĵurnalisto kaj E-poeto Ivan Serjgeev, S. Dalidoviĉ kaj aliaj. Laboras grupo de literaturaj tradukistoj. La grupo jam komplet igas unu almanakon de tradukitaj verko- (de Tolstoj, V. Korolenko, I. Turgenev, A. Ĉeĥov, M. Gorkij, M. Ŝoloĥov, K. Paŭstovskij, J. Nagibin kaj aliaj). Nun estas preparata la dua almanako.

La klubo posedas sian bibliotekon el ĉirkaŭ 1000 libroj. La unua fundamenta ŝtono en ties kreo estis biblioteko de veteranoj (V. Obruĉev, J. Fleróvskij, I. Sergeev. Grandan kontribuon faris V. Seriŝeva.

La klubo regule organizas prelegojn, ekspoviciojn, havas korespondajn ligojn kun samtipaj eksterlandaj instruistaj kluboj.

Retrospektante la edifan historion de la klubo ni antaŭ ĉio devas konkludi, ke sistema laboro de obstina grupeto venigas al sukceso. La tuta jubileo iĝis granda evento en la vivo de Moskva esperantistaro. Solene organizita multnombra kunveno kun salutparoloj en nomo de Moskva Ŝtata Universitato, Moskva Medieinista Kulturdomo, Virina sekcio de MEM kaj aliaj atestis pri firmaj ligoj inter ĉiuj esperantistaj organizoj de la urbo.

Kiujn utilajn por si konkludojn povus eltiri ĵurnalisto el la evento krom tio, ke dum la vespero estis aranĝita ekspozicio de murgazetoj?

Antaŭ ĉio necesas vaste publikigi similajn eventojn, ĉar ili estas samtempe instruaj kaj temodonaj kaj materialohavaj por komponi interesan rakonton aŭ eseon. Samtempe ili estas instigaj. Ja ni ĵurnalistoj ankoraŭ ne havas similajn klubojn, kvankam ili estas oportunaj lokoj por interŝanĝi pensojn kaj sperton. Estus tre utile transplanti la sperton de instruistoj al ĵurnalista grundo.

Estas grave noti, ke la kunveno okazis en unu el la plej luksaj haloj de la Domo de Instruisto. Venis multaj junaj esperantistoj — la nova generacio, kiu florigis la tutan aŭditorion per sia juna freŝo kaj arda aktiveco. La raporto pri la pasintaj kvindek jaroj de la soveta esperantista movado estis instrua panoramo pri la glora iro de l' internacilingva movado, ĝiaj potencaj eblecoj, ĝiaj specifoj, ĝiaj atingoj kaj fiaskoj, pri la akcelantaj kaj malhelpantaj fortoj, agoj, faktoroj kaj stimuloj.

Estis klare vidata granda laboro, kiu staras post dorso de l' atingoj.

NIKDAN

# HUMORO — HUMORO — HUMORO

Li nur demandas

Koleriĝinta edzo krias kun ruga vizaĝo:
— Diablo prenu ĝin, kiu ordonas en tiu domo?
— Mi ordonas! — respondas la edzino.
— Nu, bone, bone. Mi nur demandas.

* * *

Eraroj

— Mia edzo ĉiam erare miksas min kun mia fratino—ni estas ĝemelinoj.
— Tio ne estas danĝera. Ĉar mia edzo erare miksas min kun nia servistino.

* * *

Sekreto

jurnalisto alparolas blankharan maljunulon:
— Oni diras, ke vi estas la plej maljuna tie ĉi?.
— Ne Plej maljuna estas mia edzino. Sed tion devas scii neniu.

* * *

Ne konas siajn infanojn

Edzo rimarkas, ke lia edzino banas tri infanojn en la banejo.
— Sed ja ni havas nur du infanojn? — mirigita demandas li.
— Jes, tamen mi devas kompreni, kiu el ili ne estas la nia.

* * *

Interese

Edzo trovis sian edzinon mortigita kaj miras
— Interesa fakto. Kiu povus malami ŝin pli ol mi?!...

Embarasita dikulo

Antaŭ la komenciĝo de la spektaklo dika homo montras du biletojn al la biletkontrolistino.
— Ĉu vi estas sola? — demandas ŝi mirigite.
— Jes. Sed ĉar mi estas tro dika, mi ĉiam aĉetas du biletojn por du lokoj, sur kiujn mi sidiĝu.
— Bonege! Tiaokaze mi bondeziras al vi agrablan spektaklon. Viaj biletoj estas por nenajbaraj sidlokoj — unu apud la orkestro, kaj alia-sur la balkono.

Vana timo

— Amikino, mi devas konfesi al vi, ke mi estas edziĝinta...
— He, vane mi ektimis... Mi pensis, ke oni ŝtelis vian aŭtomobilon.

* * *

Edzo neĝentila

Post ofica vojaĝo subite la edzo revenas hejmen kaj trovas alian viron ĉe sia edzino. Li komencas kolere insulti. Lia edzino respondas riproĉe:
— Ĉu estas ĝentile insulti tiel antaŭ fremda homo?!

* * *

Neĝentila demando

Juna jurnalisto demandas netaktike faman kantistinon pri ŝia aĝo.
— Ho, mi ne scias-ŝi respondas. Mi interesiĝis nur pri la nombro de miaj mono kaj juveloj. Miajn jarojn neniu forŝtelos.

* * *

Tiu ne estas mia edzino

— Sinjoro, via edzino serĉas vin per la telefono.
— Per la telefono?! Ne, tiu ĉi ne estas mia edzino.

* * *

En nekonvena tempo

— Antaŭ la akuŝejo promenas nerve du viroj. La unua diras:
— Imagu kian malbonŝancon mi havas, mia edzino naskis ĝuste dum nia ferivojaĝo.
La alia svingas per mano:
— Bagatela estas via malbonŝanco. Ja mia edzino naskis dum nia geedziĝo!

* * *

Edzo-kuiranto

— Kien vi rapidas iri, amiko?
— Hejmen. Mi devas prepari ion por vespermanĝo.
— Kial? Ĉu via edzino malsanas?
— Tute ne. Ŝi estas malsata.

---

NIA POŜTO

— Andrej Siderov, Ĉerkassi, Sovet-Unio. — Dankon por la tradukaĵoj. Iuj jam aperis.
— Jakov Vlasov. Ŝadrinsk, USSR. — Via propono estis tre utila kaj interesa. Pro manko de homoj ĝi entute ne efektiviĝis. Siaparte la redakcioj mem kontaktis kun sovetaj gazetoj, interŝanĝis materialoj.
— M. Zgorzewski, Wroclaw, Pollando. — En n-ro I de „I. J.“ aperis pri vi longa informo kun foto. Bedaŭrinde viaj artikoloj ne estas utiligeblaj, kvankam interesaj. Pri tiuj demandoj siatempe aperas aliaj artikoloj. Se nia Gazetara Servo funkcius bone, la kontribuaĵoj povus aperi ankaŭ en aliaj landoj.
Imre—Ferenczv, Gvör, Kosteiek str. 1-a, Postfaso 143, Hungario. — Vian informaĵom pri la junularaj aranĝoj dum IFEF-kongreso en Varna ni transdonis al „Bulgara Esperantisto“.

## MAGNETOFONO STUDIO „BUDAPEŜT." — M. S. „B".

Ĉe la Magnetofono Studio „BUDAPEŜT", kiu estas kunlaboranta organizaĵo de la Hungara Radio fondiĝis Esperanto Sekcio.

En la kadro de M. S. „B" agadas pli ol 300 gemembroj (ĉiuj posedas proprajn magnetofonaparatojn), kiuj havas proprajn studiejon en la ĈEFURBA KULTUR-DOMO, — Budapeŝt XI. Fehérvári ut 47.

Celo de la Esperanto Sekcio estas:

1) Krei fortan bazon por la esperantlingva danc- kaj facila muziko: — produkti altkvalitan sonbend-serion pri la popolkantoj, mondfamaj ŝlagroj, operetoj ktp., voĉraportojn el la vivo de la hungaraj esperantistoj kaj kluboj kaj ilin transdoni al la Esperanto programo de la Radio Budapest kaj al aliaj stacioj.

2) Krei internacian kulturan kontakton kun esperantistaj kaj neesperantistaj magno-kluboj kaj spertaj unuopuloj (samfakuloj) sonbendistoj el la tuta mondo.

3) Interŝanĝi sonbendojn, gramofon-diskojn pri la novaĵoj. Regule informadi unu la alian pri la plej nova mondoŝlagroj en la prezentado de mondfamaj kantistoj kaj muzikorkestroj.

4) Regule sendadi la plej alte kvalitajn sonbendojn:

a) simpla kaj stereo „HI-FI" kvalito nur 19 cm/sek repideco.

b) minimuma studia kvalito 9.5 cm/sek rapideco sur du aŭ kvar trakto.

c) voĉinformado pri la vivo de la klubo 9.5 cm/sek.

d) helpi unu la alian kun teknikaj novaĵoj per tre multaj prospektoj, libroj kaj kajeroj pri la sonbend-amatorismo.

Helpi la internacian esperantlingvan dissendadon de la Radio kaj Televido-stacioj per la forsendo de la altkvalitaj taŭgaj „HI-FI" nur 19 cm/sek rapideco sub la titolo:

„SONBENDISTOJ, ATENTON"! (ĉiam en Esperanto)

5) La supre menciitan celon helpas el la Hungara Radio bone kontata „BEAT" orkestro TOLCSVAY kaj eminentaj konataj kaj profesiaj -amatoraj gekantistoj, kiuj kun siaj talentoj staras en la kultura kaj muzika servo de la internacia ESPERANTO — movado.

Ĉar nia serioza agado tre aktive helpas la celon de la internacia movado, ni tre petas ĉiujn redaktorojn de la esperantlingvaj gazetaroj, asocioj kaj informejoj ke ili bonvolu doni al ni gravegan helpon por la sukceso.

Por la M. S. „B", ni petas cion sendi rekte al a adreso de la teknika gvidanto de la Studio.

Adreso estas:

Ladislao B. T O T H. Budapest. IX.
Vaskapu utca 1/B. Magyarország.

Ni petas represon!!!

## RICEVITAJ ELDONAĴOJ

— **Kun la defendantoj de KONKO** — de Ngujen Khai-116 paĝa libroraportaĵo priskribanta la batalon kontraŭ la usonaj aviadilatakoj. Fremdlingva Eldonejo, Hanoi — 1967.

— **Naŭa Kongreso de la Bulgara Komunista Partio** — raporto de C. K. de la Bulgara Kompartio kaj ferma parolado legitaj de Todor Ĵivkov antaŭ la IX-a Kongreso — 14. IX. 1966. Libro 184-paĝa, eldono de la Eldonejo de Fremdlingva Literaturo, 1967.

— **La Gas — Eskalado kaj la monda opinio** — 36-paĝa broŝuro kontraŭ la usona milito en Sudvjetnamio. Fremdlingva Eldonejo, Hanoi.

— **Bone! — Poemo de la Oktobro** — de la soveta poeto Vladimir Majakovskij, kun komentoj. Tradukis el la rusa lingvo nia T. E. . A. — ano K. Gusev. Paĝoj 110. Eldonis Komisiono pri internaciaj ligoj de sovetaj esperantistoj, Moskva 1967.

— **Biblia revuo**, N-ro 1, 1968.

**12 jaroj interveno kaj agreso de la usonaj imperiistoj en Laoso.** — Libreto 140-paĝa kun mapo de Laoso. Eldonis: Neò Lao Haksat.

**Ilustritaj prospektoj pri la ĉehoslovaka urbo Liptovsky Mikulaŝ** kun mapo, eldonita okaze de la 700 jaro de la urbo.

**Vojaĝi tra Hispanio estas facile** — belaspekta broŝuro-prospekto ilustrita-pri la lando de la Universala Kongreso de Esperanto 1968. Liveras Comisaria do inf. y Relaac. Publicas RENFE, Plaza España—Torre de Madrid 8-a Planta, Madrid 13, Hispanio.

**Danio en bildoj** — kolora ilustrita faldfolio kun apartaj klarigoj Eldonis Ministerio pri ekst. aferoj, Christiansborg, Kopenhago, Danlando

Redaktoro: Ivan Keremidĉiev, blv. Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario, tel. 83—34—04

## ĴURNALISTAJ REVUOJ EN LA MONDO

Eble la ĵurnalistoj—esperantistoj kaj la legantoj de „Internacia ĵurnalisto" interesiĝas pri la eldonataj nacilingvaj aŭ en aliaj lingvoj ĵurnalistaj revuoj — naciaj kaj internaciaj. Tial ni aperigas iliajn nomojn. La interesantoj bonvolu turni sin al iliaj eldonantoj — naciaj aŭ internaciaj ĵurnalistaj asocioj.

— Presa Polska — organo de la Pollanda ĵurnalista Unuiĝo, eldonata en Varszawa.

— Balgarski ĵurnalist — organo de la Bulgara ĵurnalista Unuiĝo, aperas en Sofia.

— Zeszyty Prasoznawcze, pollanda ĵurnalo, eldonata en Krakow.

— Vidura — organo de la hindaj ĵurnalistoj, eldonas Hindia Gazetara Instituto.

— Ĵurnalist — organo de la sovetaj ĵurnalistoj. eldonata en Moskva.

— Ĵournalism Quarterly — usona ĵurnalista revuo, eldonata de la Asocio por Edukado Gazetara, centro en Minnesota, Minneapolis, USA.

— Magyar Sajto (Magjar Ŝajto), organo de la Hungara ĵurnalista Unuiĝo, eldonata en Budapest.

— Naŝa Stampa — organo de la Jugoslavia ĵurnalista asocio, eldonata en Beoĝrad.

— Presa Noastra — organo de la Rumana ĵurnalista Unuiĝo, eldonata en Bukureŝto.

— The Columbia ĵournalism Rewiew — eldonata de la Supera Lernejo por ĵurnalistoj, Kolumbia Universitato, New York, USA.

— Ĵurnalism — eldonata de la Punjab-a Universitato, Lahore.

— Neue Deutche Presse — organo de la ĵurnalistoj en Germana Demokratia Respubliko, aperas en Berlino.

— Bulletin — organo de la Internacia Unuiĝo de sportaj gazetoj.

— Novinarstvo — revuo de la Jugoslavia ĵurnalista Instituto, aperas en Beoĝrado.

— Revue de Marche Commun — orĝano de la ĵurnalistoj de la Eŭropa Komuneco Okcidenta.

— The Working ĵournalist — organo de la Hinda Unuiĝo de profesiaj ĵurnalistoj.

— Dahier de l' IIP — franca ĵurnalista gazeto.

— Bolletin de la Itala Nacia ĵurnalista Federacio.

## NOVAĴOJ EL HELSINKI

**Radio Helsinki ĉiutage elsendis novaĵojn el la mondo de Esperanto.**

**Radio Helsinki ĉiutage dum la Universala Kongreso de Esperanto ĉijare en la ĉefurbo de Finnlando elsendadis matene je la 8,30 novaĵojn el la tuta mondo en Esperanto kaj tiujn novaĵojn la ĉeestantaj kongresanoj salutis kun simpatio, des pli ĉar la horo por la elsendoj estas la plej konvena ĉar ebligas la aŭskultadon.**

**La novaĵojn tradukis kaj legis s-ro Simo Raumavirta. La informojn aŭskultis ankaŭ ges-anoj kiuj ne partoprenis la Kongreson, kion pruvas pluraj poŝtkartoj kiuj atingis ĉu la Radion ĉu la Kongreson, ekz. la gratulkartoj de Birger Allmork ferianta en Aland-Föglö k. a.**

### Kunveno de „Informaj Fakoj"

**La kunvenon okazigis la fakoj mem sub prezido de s-ro G. Becker kaj ĝin partoprenis 40 personoj el 13 landoj. S-ro Marinko Ĝivoje—estro de la E-branĉo de Gazetara Servo informis pri la stato de informado al la finna gazetaro kaj E-gazetoj, substrekante ke dank' al niaj klopodoj oni sukcesis aranĝi multajn intervjuojn kun diverslandaj pli elstaraj gesamideanoj. Estis prezentitaj spertoj pri informado en diversaj landoj kaj oni substrekis la sugestojn de la Informa Fako de UEA laŭ la principaro de Frostavallen.**

### Esperanta-angla-ĉina

**Ankaŭ la Informa Fako de UEA multe kontribuis al la kampanjo. La Informa Fako konsistas el multaj individuaj kunlaborantoj en diversaj landoj. La kunlaborantoj ricevas regule informojn en la Internacia Lingvo. La informojn ili tradukas en naciajn lingvojn kaj publikigas en nacilingvaj gazetoj. Tiamaniere, ekzemple, la grava artikolo „Kultura genocido kaj Homaj Rajtoj", verkita de prof. Ivo Lapenna, aperis unue en Esperanto en la oficiala revuo de UEA. La kunlaborantoj de la Informa Fako tradukis ĝin en siajn naciajn lingvojn, kaj ĝis nun la artikolo jam aperis en tradukoj hispana, franca, itala, germana, angla kaj ĉina. La ĉina traduko aperis en gazeto en Tajvano. Iom strange, ĝi estis farita surbaze de la usona traduko!**

---

**Redaktoro : Ivan Keremidciev — Esperov, biv. Hristo Botev 98
Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04
Helpredaktoro : Petja Ĉakova**